## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ. Poŝtkonto No. 406284.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

17=a jaro (Numero 4) 1938.

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktoro: E. J. BOLTJES.** Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto: P. KORTE.** Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.)
**Prezidanto de TAGE: W. RUSSELL HAMILTON.** The Grammar School HEMSWORTH: Nr. Pontefract, Yorksh. (Anglujo).
**Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw=Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
**W. H. MOOK.** Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).
Kasisto: **A. VAN HAGE.** Zuidwending. **Veendam** (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

## MARGARETE SAXL †

La 4-an de aŭgusto Margarete Saxl subite mortis dum la matenmanĝo en sia hotelo en Londono, kie ŝi ĉeestis la 30-an Universalan Kongreson.

En Nederlando, en Danujo. en Francujo ŝi gvidis multajn kursojn, komencajn, daŭrigajn, porinfanajn kaj seminariajn.

La lastan duonjaron ŝi havis grandan sukceson en Londono. Ŝi mortis en la plej brila monento de sia Esperanto-kariero. Por ŝi tia morto estas bela. Ni perdis fervoran samideaninon, kiu vekis ĉie simpation. Niajn kondolencojn al la sola fratino.



## T.A.G.E.—Biblioteko.

Ni havas la plezuron komuniki al niaj legantoj, ke ni finfine sukcesis eldoni T.A.G.E.-bibliotekon; t.e. serion da verketoj pri pedagogio kaj instruo. La temoj estos plej diversaj, kaj la enhavo interesa por internacia edukistaro: profesiaj geinstruistoj kaj gepatroj.

La firmo Muusses en Purmerend (Nederlando) prizorgos la presadon kaj vendadon kaj nia asocio la kolektadon kaj kontrolon de taŭgaj manuskriptoj.

Al vi ĉiuj, gekolegoj, ni sendas nian *alvokon pri kunlaboro:* **verku** aŭ **traduku** materialon por nia pedagogia serio: ĉio, kio rilatos la instruan laboron, kaj kio estas valora el internacia vidpunkto, taŭgas. La manuskriptoj ne ampleksu pli ol 25000—30000 vortojn.

La prezo de la verketoj estos modesta, kaj je tiu jam modesta prezo, **ĉiu T.A.G.E.-ano ankoraŭ rajtas recivi 30 % da rabato.**

La unua libreto en nia nova serio jam estas presata kaj aperos post kelkaj tagoj: **„Kiel eduki niajn infanojn" de Dro. Ad. Ferrière.** Aĉetu niajn eldonaĵojn por via ĉiutaga eduka laboro, kaj por konvinki ne-esp.gekolegojn kaj gepatrojn pri la graveco de nia lingvo-movado.

Turnu vin pri ĉio, kio koncernas T.A.G.E.-bibliotekon al **P. KORTE, Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.)**

---

# Kunvenoj de T.A.G.E

Dum la 30-a Universala Kongreso de Esperanto, TAGE aranĝis du kunvenojn, al kiuj oni invitis ĉiujn geinstruistojn, kaj unu kunsidon speciale por TAGE-anoj. Prof. Collinson, el la Universitato de Liverpool. prezidis en ambaŭ kunvenoj.

La unuan kunvenon, mardon la 2-an de aŭgusto, partoprenis pli ol cent personoj.

Prof. Collinson prelegis pri la problemo: „Baza vortaro en la instruado de internacia lingvo". Li difinis tri vidpunktojn, pritraktante minimuman vortaron en internacia lingvo: 1. la logikon, ekzemple Basic English; 2. la metodon de kelkaj usonanoj: kalkulado de relativa ofteco, ekzemple la laboro de Thorndike; 3. la miksitan metodon, t. e. la metodon de Palmer kaj Hornby, instruistoj de la angla lingvo en Japanlando, kiuj modifis la metodon de vortofteco laŭ sia sperto kaj tiu de la japanaj instruistoj.

Li komentis pri la valoro de Basic English por la studado de la gepatra lingvo, ĉar ĝi reprezentas tre zorgan logikan analizon de la angla esprimaro. Tamen li dubis, ĉu ĝi taŭgas kiel internacia lingvo, ĉar ĝi ne estas neŭtrala, ĝi ne forigas la malfacilaĵojn de la prononco kaj ortografio anglaj, kaj la angla parolanto emus forgesi, kiuj vortoj estas forlasotaj.

Konsiderante minimuman vortaron en Esperanto, li atentigis ke tiu vortaro povas esti pli preciza ol en la angla lingvo, citante: densa, dika; punkto, pinto, poento. Tamen en Esperanto estas danĝeraj vortoj, ekzemple: eventuale, fatale, respektive. — Anstataŭ redukti sinsekve la vortaron, oni povus procedi inverse kaj al tre

malgranda nombro da radikoj, ekz. est-, hav-, al, iu, alia, si, kunkonstrui aŭ sintezi bazan vortaron, ekz. „havigi al si" = preni (kiun oni poste povas uzi kiel novan elirpunkton), „havigi al iu alia" = doni, ktp. Tia procedo, tamen, havas teorian prefere ol praktikan intereson.

La parolanto atentigis pri la neceseco scii, por kiu celo oni bezonas minimuman vortaron. Se estas kiel unua prepara stadio, por provizi materialon por la komenca lerno- aŭ legolibro, la vortelekto ne povas esti sama kiel eble por vojaĝo ktp. Sed oni nepre bezonas ankaŭ por Esperanto vortaron gradigitan por ŝpari tempon kaj klopodojn flanke de la instruisto, kiel multaj jam konstatis en la instruado de naciaj lingvoj.

Sekvis diskuto pri internacia minimuma vortaro por infan-instruado, kiu plifaciligos korespondadon kaj intervizitadon.

F-ino S a x l opiniis ke estas eble kolekti el diversaj libroj, ekz. „Juna Vivo", minimuman vortaron. Ŝi diris ke la Cseh-metoda kurso estas aplikebla por infanoj, sed kun aldonoj. La infanoj nepre bezonas verbojn, ĉar ili volas agi, kaj ankaŭ ŝatas la demandajn vortojn.

S-ro B u t l e r aprobis vortaron sur bazo internacia pri interesaĵoj, kun la aldono de specialaj naciaj vortoj en la klaso mem, ĉar oni ne povas limigi la infanojn je internaciaj vortoj sole.

S-ro M u u s s e s proponis ke oni atentu raporton pri la „Juna Vivo"-libertempo rilate la uzadon de vortoj inter la partoprenontoj.

S-ro S c o t t konsentis pri la ĝusteco de la konstato farita de f-ino Saxl ke la ag-vortoj estas tre gravaj por la infanoj. Li krome sugestis ke grandan utilon havus bildoj de agadoj, kaj li aprobis la diron de s-ro Butler ke infanoj ŝatas lerni la nomojn de siaj ludiloj, ĉu tiuj estas internaciaj, do en la komuna bazvortaro, aŭ ne.

S-ro A a r s e opiniis ke la studo de Esperanto laŭ kunmetitaj vortoj ne estas facila por la infanoj. La vorto mem devas havi signifon, ne pro radiko kaj aliaj partoj sed en si mem. Li konsideris ke simpla literaturo estas pli bezonata ol minimuma vortaro.

F-ino N o l l e i s diris ke la inteligentaj infanoj ŝatas vortfaradon kaj bezonas multajn substantivojn por ekzerci la gramatikajn regulojn laŭ tiu diverseco en la frazoj.

Sekvis paŭzo.

En la dua parto de la kunveno s-ro B u t l e r klarigis, kiel li sukcesis viziti lernejojn — 100-150 en unu jaro — per la propono doni senpagan demonstracion en Esperanto.

S-roj I s b r ŭ c k e r kaj J e n s s o n konstatis ke en iliaj landoj (Nederlando kaj Norvegujo) estas pli facile, proponi prelegon pri alia lando aŭ turista temo, uzante Esperanton kaj tradukante, ol peti permeson paroli pri Esperanto mem.

F-ino N i x o n priparolis la bonege aranĝitan junulfeston de

„Juna Vivo", la 10-17 aŭgusto en Groet, Nederlando, kaj konstatis ke ĝi estas la plej grava paŝo rilate la enkondukon de Esperanto en lernejoj, ĉar ĝi provizas celon **al la infanoj mem.**

La dua kunveno okazis la 4-an de aŭgusto ; proksimume 90 ĉeestis. La ĉeestantoj staris en silento unu minuton, dum ili memoris la grandan laboron de f-ino Margarete Saxl mortinta tiun tagon. Salutletero de TAGE estis legata ; poste oni anoncis la kuraĝan agadon de la nederlanda firmo Muusses, entreprenanta la eldonadon de pedagogiaj libroj kiel TAGE-bibliotekon.

Sekvis prelego de Prof. F l u g e l pri „Asketismo kaj pedagogio". Tiel humore, tamen serioze, li pritraktis la temon ke rezultis diskutado. La prelego espereble estos presigata entute en Internacia Pedagogia Revue.* Oni tiam revenis al la afero de „Internacia minimuna vortaro por infanoj".

F-ino N i x o n klarigis ke la Edukada Komitato de Brita Esp. Asocio jam entreprenis la verkadon de legolibro bazita je minimuma internacia vortaro. Oni decidis starigi malgrandan internacian komitaton por pristudi la efikon de tiu ĉi libro kaj plu esplori la problemon.

S-ro R o o m e esprimis dankon al Prof. Collinson pro lia lerta kaj oferema gvidado de la kunvenoj.

Sekvis speciala kunsido de TAGE-anoj por pritrakti la problemojn de kreskigo de la anaro kaj pli efikaj servoj al la instruistaro. Oni akceptis nomojn por nova prezidanto de TAGE kaj por la starigota komitato, kiu studu la minimuman vertaron. Oni ankaŭ faris kelkajn rekomendojn kaj deziresprimojn al la TAGE-estraro kaj rezoluciojn al la Kongreso.

**Proponoj al la Kongreso.**

(La Ferma Kunsido de la 30-a akceptis ilin.)

1. Konstatante ke la praktika uzado de Esperanto inter lernejanoj estas nia celo kaj ankaŭ la plej bona propagandilo, kaj ke la ĉefa rimedo por efektivigi tion estas aranĝi interlernejan vizitadon kaj libertempojn, la TAGE-Kunveno rekomendas ke la Kongreso sendu gratulojn al la „Juna Vivo", interlerneja festo en Nederlando (kun almenaŭ 150 partoprenontoj), kaj ke IEL faru sian eblon instigi kaj subteni similajn aranĝojn en la estonteco.

2. Konstatante ke la Instruista Movado ne estas sufiĉe forta, parte pro manko de cel-konscia kunagado kaj organizado, la TAGE-Kunveno rekomendas ke IEL elpensu planon por kunlabori kun TAGE celante speciale : 1. la starigon de instruistaj unuiĝoj laŭ la naciaj cirkonstancoj, kun laŭeble unu kotizo por TAGE kaj IEL ; 2. pli efikajn servojn inter geinstruistoj kaj lernejanoj.

V. C. N i x o n, Sekr. de la Kunvenoj.

---

* Jes, certe, en la sekvanta numero.

# RAPORTO de la Realiga Komitato

de la Varsovia Jubilea Universala Kongreso de Esperanto

**pri la agado**

de aŭgusto 1937 ĝis 30 junio 1938

**por la Lerneja Interŝtata Esperanto-Akordo**

prezentita al la 30-a Universala Kongreso de Esperanto en Londono.

Plenumante la ĉefan rezolucion de la Jubilea Kongreso, ĝia Realiga Komitato dissendis al la registaroj la kongresan alvokon pri la dezirinda subskribo de akordo inter la ŝtatoj koncerne la samtempan devigan enkondukon de Esperanto en la lernejojn de pluraj ŝtatoj. En januaro 1938 la Komitato informis per cirkulero pri siaj laboroj la centrajn aŭ kvazaŭ-centrajn landajn asociojn (47), certan nombron da plej gravaj internaciaj (27) aŭ fakaj societoj (15) kaj plej eminentajn esperantistojn (132). La Komitato samtempe sendis, kiel aldonon al la cirkulera letero, kopiojn de la alvoko, tekstojn de la proponata akordo en franca lingvo kaj al la certaj naciaj asocioj ankaŭ la kopion de la speciala letero al la koncerna registaro.

Nun, en tiu ĉi raporto la Realiga Komitato de la Jubilea, kies rolo finiĝas kun la malfermo de la sekvanta 30-a Universala Kongreso, volas resumi la esencon de sia agado kaj speciale de la korespondado kun la registaroj, precipe la enhavon de la ricevitaj respondoj.

En la cirkulera letero de januaro 1938 ni skribis, ke nun, post la dissendo de la alvoko al la registaroj, la afero de la Interŝtata Esperanto Akordo pasas al la naciaj asocioj, sed ni konscias, ke tiurilata agado postulas ankaŭ unu komunan internacian centron, pro tio ni submetas la raporton pri nia ĝisnuna laboro al la Universala Kongreso de Londono, kiel nuntempe unika komuna organizaĵo, kvankam efemera, de la tutmonda esperantistaro, firme dezirante, ke ĝi decidu kia organizaĵo en estonteco koncentrigos la informojn pri tiucela agado de la esperantistaro, ĉar la agado de la naciaj asocioj sen unu centra, universala, internacia oficejo, laŭ nia opinio, ne sufiĉos por rapida kaj sukcesa realigo de la lerneja plano de la Jubilea Kongreso, kio estas ne nur nacia, sed ankaŭ internacia problemo. Tiu ĉi plano pro tio do postulas konstantan kaj kompetentan flegadon ne nur en skalo nacia sed ankaŭ internacia.

Nuna raporto havas do trioblan taskon : *unue* - koncize priskribi kion oni faris ĝis nun en skalo internacia por la realigo de la kongreso alvoko pri la deviga instruado de Esperanto ;

*due* - prezenti la resumon de la respondoj de la registaroj al la citita alvoko ;

*trie* - proponi al la 30-a Kongreso la skizon de projekto de unu komuna internacia centro por la realigo de la Interŝtata Esperanto-Akordo.

La Loka Kongrea Komitato de 1937., ĵetante, kiel devizon de la Jubilea Kongreso kaj de la tuta jubilea jaro, la vortojn: „Esperanto en la Lernejojn", — samtempe indikis jam en la cirkulero N. 3 en decembro 1936 la vojon, kiu devas konduki al la realigo de tiu ĉi celo: INTERŜTATA ESPERANTO-AKORDO PRI DEVIGA INSTRUADO DE ESPERANTO EN LA LERNEJOJ, ideo proponita ekde 1920 de D-ro Antoni Czubrynski kaj parte jam post 1927 jaro realigata ĝis la ekonomia monda krizo dank'al la penado de la Internacia Centra Komitato sub la gvidado de D-ro Edmond Privat.

Tial, jam invitante la registarojn por la Varsovia Kongreso, la Loka Kongresa Komitato en la invitleteroj: *unue* - mallonge kaj esence rememorigis la problemon; *due* - sendis la poponatan tekston de l'Akordo; *trie* - citis en la invito la ŝtatojn, kiuj principe jam antaŭ la monda ekonomia krizo akceptis favore la ideon kaj ankaŭ tiujn ŝtatojn, kiuj dum la diskutado de la analogia problemo en la Ligo de Nacioj, en 1921 kaj 1922, favorigis la projekton pri la ĝenerala instruado de Esperanto en la lernejoj. Dekunu ŝtatoj sendis siajn reprezentantojn por la Varsovia Kongreso: Aŭstrujo, Belgujo, Brazilo, Bulgarujo, Estonujo, Liĥtenŝtejno, Meksiko, Nederlando, Norvegujo, Polujo, Rumanujo. Bedaŭrinde ne ĉiuj delegitoj, precipe diplomatoj, komprenadis sufiĉe nian lingvon, kaj pro tio la Realiga Komitato devis senprokraste post la Kongreso per la specialaj leteroj en franca lingvo informi ilin pri la diskutado kaj la rezolucioj de la Kongreso.

Preskaŭ samtempe, ankaŭ en aŭgusto, la Realiga Komitato sendis specialajn leterojn al la reprezentantoj de kelkaj aliaj ŝtatoj, kiel Francujo, Egipto, Haitio, kiuj en siaj respondoj al la invitoj por la Kongreso, petis la raportojn pri la Kongreso. Al aliaj ŝtatoj la Realiga Komitato sendis en aŭgusto kaj septembro pere de iliaj ambasadoroj aŭ ministroj en Varsovio la alvokon de la Kongreso kun individue redaktita letero, en kiu la Komitato rememorigis, se tio estis oportune kaj necese, la favoran rilaton de la koncerna ŝtato al Esperanto en pasinta tempo. Ni elsendis 51 leterojn al la reprezentantoj de la sekvantaj ŝtatoj akredititaj ĉe pola registaro: Afganistano, Argentino, Aŭstrujo, Belgujo, Bolivio, Brazilo, Britujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Ĉinlando, Danlando, Dominikana Resp., Egipto, Estonujo, Finnlando, Francujo, Germanujo, Greklando, Gvatemalo, Haitio, Hispanujo, Honduraso, Hungarujo, Irano, Italujo, Jugoslavio, Kolombio, Japanujo, Kostariko, Kubo, Latvujo Liberio Meksiko, Monako, Nederlando, Nikaraguo, Norvegujo, Panamo Paragvajo, Peruo, Portugalujo, Rumanujo, Salvadoro, Sovet-Unio, Svedujo, Svislando, Turkujo, Urugvajo Usono, Vatikano, Venezuelo. Al la Ambasadoro de Granda Britujo kaj al la Ministro de Svislando, la Komitato ekspedis necesan nombron da alvokoj por la afabla trasendo por la registaroj de la britaj dominionoj kaj de la svisaj kantonoj.

Al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj kaj al la Direktoro de la Internacia Oficejo de Laboro la Realiga Komitato sendis speciale redaktitajn leterojn. Al pola ministro de Publika Edukado, kies delegito ricevis la tekston de la alvoko dum la ferma kunsido de la Kongreso, la Komitato sendis speciale redaktitan memorandon. Ankaŭ la Komitato ekspedis la kongresan alvokon al la Senatano-Estro de Publika Instruado en Danzigo.

Baldaŭ bonvolis certigi per la specialaj leteroj la ricevon de la alvoko 12 diplomataj reprezentantoj en Varsovio, informante ke la rezolucioj de la Kongreso estos transdonitaj de ili al la koncernaj ministerioj de iliaj landoj. Tiamaniere respondis la reprezentantoj de Granda Britujo, Egipto, Estonujo, Germanujo, Hispanujo, Meksiko, Monako, Norvegujo, Sovet-Unio, Svedujo, Svislando, Urugvajo.

Poste la Realiga Komitato sendis la alvokon al la aliaj registaroj ne reprezentitaj en Pollando, en tiu ĉi okazo la leteroj, preskaŭ ĉiam rekomenditaj, estis ekspeditaj rekte al la ministroj de eksterlandaj aferoj aŭ al ministroj de publika klerigado. En tiu ĉi serio la leteroj estis adresitaj plej ofte kun cirkulera presita teksto al la sekvantaj ŝtatoj: Albanujo, Aŭstralio, Ĉilio, Ekvadoro, Etiopio, Filipinoj, Hedĵazo, Hindujo, Irako, Irlando, Irlando Norda, Islando, Kanado, Katalunujo, Libano, Liĥtenŝtejno, Litovujo, Luksemburgo, Manĝurio, Nedĵedo, Nepalo, Nov-Zelando, Palestino, Portoriko, San Marino, Siamo, Sirio, Suda Afriko, Transjordanio, Tuvalando, Yemeno. Ankaŭ al la registaroj de tiu grupo konataj jam de ilia antaŭa favora rilato al Esperanto la Komitato sendis specialajn leterojn. Respondante al la leteroj, la ĉefministroj aŭ ministroj de eksterlandaj aferoj de 9 ŝtatoj de tiu grupo certigis pri la ricevo de niaj leteroj, nome: Albanujo, Aŭstralio, Egipto, Irlando, Kanado, Liĥtenŝtejno, Manĝurio, Norvegujo, Salvadoro.

La ricevatestoj de ambaŭ grupoj — de la diplomataj reprezentantoj kaj de la ministroj de eksterlandaj aferoj — informas ordinare nur, ke la demando estis transdonita al la kompetentaj ŝtataj oficejoj, plej ofte al la ministerioj de Publika Edukado, por esti ekzamenita. Kelkaj respondoj estis tre afablaj. La Afer-Ŝarĝito de Meksiko, S-ro Luciano Joublanc Rivas, en la letero de 14 septembro 1937 skribis: „Mi Vin certigas pri mia intereso kaj mi deziras plej kompletan sukceson por Viaj laboroj". Same Ministro de Urugvajo en Pollando S-ro Eliseo Ricardo Gomez skribis la 20-an de septembro 1937, ke li transdonis la rezolucion de la Jubilea Kongreso de Esperanto al sia registaro kaj ke li trovas „la rezolucion perfekta, konsiderante la progreson de la lingvo en diversaj fakoj. Vi povas esti certa, Sinjoro Prezidanto, — skribas Ministro Gomez — ke mi metos tutan mian bonan volon por triumfigi Vian rezolucion, mi ĝin trovas tre necesa por alproksimiĝo de ĉiuj nacioj. Pri la decido de mia registaro mi sendos al Vi koncizan rapoprton."

La Ministro de Ŝtato de Kanado, informis nin pri la ricevo de la letero kaj sciigis, ke la lernejaj aferoj estas en Kanado sub kompetenco de la provincaj ministerioj de publika klerigado (naŭ provincoj), samtempe la Subsekretario de Stato bonvolis sendi al ni la adresojn de la koncernaj ministerioj. La Realiga Komitato post la ricevo de tiu afabla respondo sendis la Kongresan Alvokon al ĉiuj provincaj ministroj de Edukado en Kanado, nome al la ministroj de Alberta, Brita Kolumbio, Manitoba, Nova Brunswick, Nova Scotia, Ontario, Prince Edward Island, Quebec, Saskatchawan. La Instru-Departamento de la lasta provinco alsendis al ni la ricev-ateson de nia letero.

La Ĉef-Ministro de Aŝtralio en la ricev-atesto de nia letero afable informis nin, ke la lokaj ministerioj de la federitaj ŝtatoj, sub kies kompetenco troviĝas la lernejaj demandoj en Aŭstralio, estis informitaj de li pri la Kongresa Alvoko.

La respondo de la Ministerio de Publika Instruado de Belgujo (7 aprilo 1938 N. 544C) konsideras, ke la programo de belgaj mezlernejoj, kie oni instruas 2 lingvojn antikvajn kaj 4 modernajn kaj la tro komplika problemo de lingvoj en Belgujo ne permasas organizi nun la instruadon de la lingvo internacia. Same la respondo de la ministerio de Publika Instruado en Polujo sciigis nin, ke nun realigata de la registaro la reformo de la lerneja programo en Polujo, kiu estas la ĉefa zorgo de la Ministerio, malebligas la akcepton de la postuloj pri la enkonduko de Esperanto en lernejojn. Estas rimarkinde, ke eĉ tiuj du negativaj respondoj ne kontestas la pravecon de la argumentoj de la Kongresa Alvoko por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, sed motivas la rifuzon per tro ŝarĝitaj programoj. Precipe ili ne respondas je la ĉefa deziresprimo de la Kongresa Alvoko pri aliĝo de tiuj ŝtatoj al la proponata akordo pri la estonta kolektiva, samtempa enkonduko de Esperanto en la lernejojn de pluraj ŝtatoj. Tiuj du respondoj estas do evidente rezulto de la miskompreno de la Kongresa Alvoko, kiu estis pli modera kaj modesta, ĉar ne postulis la tujan devigan enkondukon de Esperanto en la lernejojn, sed deziris nur la promeson de la registaroj fari tion en la certaj cirkonstancoj. De ambaŭ respondoj ne devas nin senkuraĝigi, ili lasas tre larĝan kampon al la respektivaj naciaj asocioj por detala diskutado kun la ŝtataj oficejoj. Sed tiu ĉi tasko nature jam superpaŝas la rajton kaj la kompetencon de la Realiga Komitato de la Jubilea Kongreso, nur provizora kaj ne daŭra institucio.

(fino sekvo)

# Nova studplano por popolalernejo en Hindujo.

Certe interesos vin, ke la tuthinduja eduka konferenco akceptis planon por sepjara deviga popola lernejo, en kiu metia laboro estos la centra fako, kaj tiu laboro de la infanoj helpos subteni la lernejojn.

El la eldiroj de la komitato mi eltiros la jenan:

1. Hinda opinio preskaŭ unuvoĉe kondamnas la ĝisnunan edukan sistemon. Ĝi malsukcesis en la pasinta tempo kontentigi la plej urĝajn bezonojn de la nacia vivo nek povis organizi kaj konduki ties fortojn kaj aspirojn en ĝustajn kanalojn. Hodiaŭ, kiam rapidaj kaj sekvoplenaj ŝanĝoj reformadas socian kaj internacian vivon, kiuj direktas al la civitanoj novajn postulojn, tiu malnova sistemo daŭrigas sian funkciadon izolita de la novaj tendencoj de la nacia vivo kaj nekapablas konformiĝi al la ŝanĝitaj kondiĉoj. Ĝi nek resonas al la realeca situacio nek havas ian vivigan kaj kreigan idealon. Ĝi ne edukas civitanojn taŭgajn por la produktema socio, kiuj kapablas tiri sian propran pezon kaj partopreni efike en la socia laboro. Ĝi ne komprenas la novan kooperan sociordon, kiun la edukado devas helpi naskiĝi por ke tiu regu anstataŭ la nuna malhumana konkurenco, bazita sur ekspluatado kaj fortotrudo. — Ĉiu eduka sistemo por hindaj infanoj devas nepre iel diferenci de okcidentaj, ĉar la hindoj adoptis metodojn senperfortajn por sekurigi ĉiurilatan liberecon. Niaj infanoj do devas ekkompreni ties superecon al perforto.

— (Post danko al Gandhi, la vasthorizonta gvidanto, oni citas lian principon): La fundamento de ĉiu plano, kiu povus praktike solvi la problemon de popoleduko rapida, estas, ke la edukado estas farata pere de produktado, ia metia laboro, kiu servu kiel kerno de ĉia instruado de la lernejo. Tiu metia laboro, se ĝi estas efike kaj ĝisfunde instruata, devas kapabligi ĉiun lernejon pagi sian instruiston, kio povus ebligi al la ŝtato tuj enkonduki senkostan devigan elementan instruadon.

Preskaŭ ĉiu moderna edukisto rekomendas produktadon, kiu liberigas la infanaro de tiu pure teoria instruado kontraŭa al ĝia aktiveca naturo. La infano tiel akiras ne nur la kapablon legi la presitan vorton, sed la pli gravan kapablon uzi manon kaj kapon por produkta laboro. El socia vidpunkto tia komuna metia laboro, devige farota de ĉiu infano senescepte, helpos forigi la nunajn barojn inter laboristoj permanaj kaj perkapaj, malutilajn al ambaŭ specoj. Kaj ĝi ankaŭ donos en la sole ebla maniero veran estimon pri la laboro kaj pri homara solidareco. Kio estos etika kaj morala gajn senlime grava.

El pure pedagogia vidpunkto, la aferoj instruotaj povas ricevi plian realecon kaj vivecon, se ili estas ligataj al iu grava metio kiel

bazo kaj kerno de la instruado. La lernitaĵo ĉiam rilatos intime al la ĉirkaŭanta vivo kaj la diversaj temoj estos alligataj al la kerno kaj kunligataj reciproke.

Por atingi tiujn avantaĝojn, estas necese ke la metia laboro elektita havu, unue, riĉajn eblojn edukajn kaj, due, naturajn rilatojn al gravaj interesoj kaj aktivadoj de la popolo kaj ke ĝi povu daŭri dum la tuta lerneja tempo. La celo de ĉi tiu nova eduksistemo ne estas ĉefe produktado de metiistoj kapablaj praktiki iun metion mekanike sed poreduka ekspluatado de la eblecoj enestantaj en metia laboro. La infano devas lerni la kialojn de ĉiu procedo per propra faro kaj sperto; do lerni sian metion en scienca maniero.

En la moderna tempo ĉiu civitano devas esti aktiva membro de la socio kaj kapabla repagi per utila servo kion li ŝuldas. Nia sistemo produktos laboremajn homojn kiuj konsideros ĉian laboron honorinda. Kaj la intima rilato de la lerneja laboro al tiu de la komumumo faciligos al la infanoj apliki la lernitan poste en la vivo. Do la nova sistemo intencas doni al la civitanoj fortan senton de personaj valoro, indeco kaj kapablo kaj veki en ili deziron perfektigi sin kaj fari servojn en koopera komunumo, kaj jam dum la lerneja tempo ili sentos ke ili kunlaboras persone kaj rekte en la granda eksperimento de nacia edukado.

(Pri la eblo subteni la funkciadon de la novaj lernejoj per la produktoj de la metia laboro, la komitato montras per ciferoj ke tia eblo ekzistas almenaŭ kiam temas pri teksado kaj ŝpinado.).

*Direktivoj por sepjara elementa edukado.*

1. *La fundamenta metio.* Tia kapablo devas esti atingita. Ke la lerninto povas ekzerci la elektitan metion por perlabori sian vivrimedon. La metioj menciitaj estas teksado, konstruado, terkulturado, ĝardenado, ledprilaborado. (Krome povas esti uzata kiu ajn pedagogie konvena metio kiun la lokaj cirkonstancoj povas rekomendi).

2. *La gepatra lingvo.* Sufiĉa lernado de gepatra lingvo estas fundamento de ĉiu edukado. Sen kapablo paroli efike kaj legi kaj skribi klare kaj korekte, neniu povas pensi klare kaj ĝuste. Krome ĝi estas rimedo por enkonduki la infanon en la riĉan spiritan heredon de de ĝia popolo kaj tiel povas helpi al socia edukado, Samtempe ĝi povas inspiri ĝustajn etikajn kaj moralajn principojn kaj kulturi la estetikan percepton. La literaturo estos, se ĝuste alirata, fonto por ĝojo kaj inspiro al kreado.

(La instruo donos kapablon inteligente legi, korekte kaj klare skribi kaj paroli kaj speciale praktikon fari raportojn pri diskutoj kaj decidoj en komunuma kunveno kaj komercajn skribaĵojn. Ankaŭ kapablon uzi konsultan libraron.)

3. *Kalkulado.* La instruo devas intime rilati al problemoj kiujn starigas la metia laboro kaj la vivo en lernejo kaj vilaĝo. Tiaj problemoj certe donos riĉan materialon por evolui la rezonan talenton de lernanto.

4. *Sociaj studoj.* Tiuj devas evoluigi vastan intereson por la progreso de la homaro kaj de Hindujo speciale, veki ĝustan komprenon pri la socia kaj geografia ĉirkaŭaĵo kaj deziron plibonigi ĝin, li devas inspiri amon al la patrujo, profundan respekton al ties pasinteco kaj konfidon en la estonteco, kiu estu bazita sur amo, vero kaj justo. Ili devas evoluigi percepton pri la rajtoj kaj devoj de civitano kaj kreskigi la virtojn kiuj faros homon fidinda civitano kaj fidela najbaro. Fine ĝi inspiru reciprokan respekton al la diversaj religioj, kiuj en esencaj partoj harmonias.

. . . La historio pri la vekiĝo de la hinda popolo kun estimo de ĝia paca batalo por socia, politika kaj ekonomia libereco devas prepari la lernantojn ĝoje akcepti ilian parton de tiu ŝarĝo. La lernantoj devas konatiĝi kun la diversaj organizoj por publika servo, kun la koopera asocio, la devoj de publikaj oficistoj, la distrikta administrado, la signifo kaj graveco de voĉdonrajto kaj kiel ili ĉiuj evoluis. La instruado devas esti plej realeca kaj rilata al okazoj en la nacia vivo. Memregadon oni devus praktiki en la lernejo.

(Geografio) Laste: studo de diversaj okupadoj, de lokaj terkulturo kaj industrio kun ekskursoj pri ekonomia memsufiĉo kaj reciproka dependo inter diferencaj regionoj, de specialaj industrioj favorigataj de la geografia ĉirkaŭaĵo kaj de la ĉefaj industrioj en Hindujo.

*Naturscicuco:* Tiu donos al lernanto kutimon de akurata observado kaj zorgema kontrolado de observoj rilate al la naturfenomenoj kaj ties aplikado en la servo de la konoj.

. . . (Higieno) Persona kaj vilaĝa higieno (la vilaĝa puto).

. . . Konvena spirado. La unua helpo kaj simplaj kuraciloj,

Infektmalsanoj kaj protekto kontraŭ tiuj. Pureco morala kiel sanprotekto. Korpekzercoj (Ludoj, sporto. gimnastiko).

*Desegnado.* Tiu ekzercu la okulon kaj la memoron pri formoj kaj koloroj kaj la komprenon kaj guston pri la belo. Ĝi donu kapablon fari desegnon pri objektoj farotaj kaj ilustraĵojn pri afero vidita aŭ legita por libroj kaj afiŝoj.

*Muziko.* La infanoj lernu belajn kantojn por ŝati muzikon. Precipe ili lernu grupan aŭ ĥoran kantadon.

*Hindustani.* Ĉiu infano lernu sufiĉe por povi kiam plenaĝa uzi tiun lingvon por kunlabori kun kiu ajn hindo. Ili komprenu ke tiu lingvo estas la rezulto de la plej bona pensado kaj aspirado de la hindoj, ili fieru pri ĝia riĉeco kaj deziru servi ĝin fidele.

*Mastrumado.* De post la kvara jaro la knabinoj lernu mastrumadon kaj en la 6a kaj 7a jaroj ili rajtas anstataŭ la metia laboro studi kaj praktiki tiun fakon.

*La instruistaro:* Certe la plej grava kondiĉo por la sukceso de la plano estas konvena edukado de instruistoj. Necese estas ke la instruistoj komprenu kaj akceptu la novan socian kaj edukan idearon kaj entuziasme iru al efektivigo de la plano. Ĉar ili devas instrui

la diversajn fakojn ne dise sed ligataj al la kerno kaj reciproke, ili devas spertiĝi pri aranĝo de tiaj studoj kaj lerni interĉeni vivon, scion kaj produktadon. Ili devas interesiĝi pri ĉirkaŭa vivo kaj laboro kaj forte senti la intiman interligon de lernejo kaj socio. Por eniri seminarion oni devas havi studentan ekzamenon aŭ edukan ado sperton dujaran post mezlerneja ekzameno. La seminaria instruado daŭros 3 jarojn.

La celo de la seminario ne estas produkti perfektajn scienculojn sed lertajn, inteligentajn, edukitajn. metiulojn kun ĝusta spirita sinteno al ilia vivlaboro kaj varma deziro servi la socion kaj helpi la kreskantan generacion kompreni kaj efektivigi la valoraĵojn de ĉi tiu eduka plano.

Por provizore kontentigi la tujan bezonon la komitato proponas unujaran seminarian kurson.

*Inspektado kaj Ekzamenoj.*

Efika kaj simpatia kontrolado de la funkcio de la nova sistemo estas tre grava. Tiu kontrolado ne estu simpla inspekto sed persona kunlaboro inter homo kiu havas pli vastajn spertojn kaj ne tre sperta kolego. La administraj taskoj de tiuj inspektoroj estu kiel eble plej malgrandaj por ke ili povu plenumi sian plej gravan helpan kaj konsilan laboron.

La ĝisnuna ekzamenada sistemo pruviĝis malbeno de la edukado. Kiel mezuro de indivudua progreso ekzamenoj estas malĝustaj kaj nefidindaj, kapricaj kaj arbitraj. La celo de ekzamenado estas atingebla pli racie per longedaŭra esploro de la laborkapablo de certa elektita grupo, kiu montros sian metian lertecon kaj kapablon utiligi al la komunumo, kiun la lernejo devas servi.

La distrikta estraro prijuĝos la efikecon de siaj lernejoj per tiuj testoj, per la produktaĵo de la lernantoj, per la plibonigo de la vilaĝo helpe de instruistoj kaj lernantaro. Ĉiujara ekspozicio montros detale kiel la lernejoj laboris dum la jaro.

La taga horaro. Por metia laboro 3 h. 20 min. Gepatra lingvo 40 min. Kalkulo, desegno, muziko 40 min. Sociaj studoj kaj Naturscienco 30 min. Korpekzerco 10 min. Lerneja jaro ampleksos 288 labortagojn, 24 tagojn monate. La anoj de klaso devas ne superi 30, aŭ la instruisto ne povas plenumi siajn taskojn. La salajro de iustruisto devas esti se eble 25 rupees, minimume 20.

La elekto de instruistoj devas esti farata tre zorge, se ne la tuta plano malebliĝos. Instruado postulas specialan socian kaj moralan sintenon kaj kvaliton. La seminarioj prefere estu internulejo, kaj la metiojn povas instrui ankaŭ lokaj metiistoj. Granda nombro de refreŝigaj kursoj devas okazi por konservi kaj altigi la nivelon de la instruistoj.

La superestraro de ĉiu distrikto devas zorgi por starigo de instituto por esploro de la funkciado de la nova sistemo, de la metodoj

de la diversaj fakoj kaj ilia interplekto, kaj de la rilatoj inter lernejo kaj vivo. — Krom tiuj institutoj devus ekzisti sendependa instituto sen administraj devoj. Tiu servu kiel konsilejo, esploru kaj diskutu ideojn kaj celojn naskitajn en Hindujo aŭ ekstere kaj diskonigu la rezultojn al ĉiu interesita pere de broŝuroj kaj revuo pedagogia.

S. Jn.

---

# Internacia Junularkunveno.

## En Groet (N.H.), 10—17 aŭgusto 1938.

La redaktorino de „La Juna Vivo" (internacia organo por la junularo kaj komencantoj) aranĝis ĉi tiun jaron en Groet semajnan kunvenon internacian por infanoj. Preskaŭ ducent partoprenantoj el naŭ diversaj landoj alvenis. La plej grandaj karavanoj venis el Francujo kaj Anglujo.

Interesa semajno. Jam post unu, du tagoj la infanoj estis tute intermiksitaj. Jen dum promenado oni vidis vicon de infanoj anglaj, francoj, nederlandaj, kiuj babilis, ŝercis, ridis, diskutis kaj disputis, kvazaŭ ekzistus en la tuta mondo nur unu lingvo.

Ĉiun tagon oni elektis laborgrupon, kies tasko estis : prizorgi la panmanĝojn, purigi la manĝilaron, aranĝi la dormejojn k.t.p. La knabinoj grandparte dormis en granda gimnastikejo en Catrijp, la knaboj en lernejo en Groet. Estis ĝojige vidi tiom da infanoj gajaj, irantaj en la frua mateno tra la vilaĝo al la manĝejo. Sed plej agrablaj kaj unuigaj estis la vesperoj, kiujn la gesamideanoj pasigis per kantado, aktorado, deklamado k.t.p. Ĉio ĉi altgrada amatoraĵo. Multe efikis la belaj kostumoj, kiujn niaj geaktoroj surhavis. La infanoj ĝuis tutanime.

Oficiala festvespero okazis sabatvespere en Schoorl. Aŭdiĝis salutparoloj de diversaj oficialaj personoj. Post la paroladoj komenciĝis la gaja parto de la programo. Infanoj el West-Graftdijk prezentis : „La novaj vestoj de la reĝo". Grupo el Birmingham ludis la teatraĵon : „La ĉemizo de la feliĉulo". Malnovan francan popoldancon prezentis grupo de francaj knabinoj ; grupo el Kimrujo faris kimran popoldancon. Pola kaj aŭstralia knabinoj faris solodancojn. Grupo el Bishop Auckland deklamis la poemon : „La Vojo". Estis brila festo.

Lundon, laŭ amerika maniero, oni rigardis Nederlandon, vizitis laktaĵfabrikon, promenis tra la malnova urbeto Edam, vizitis Volendam, rigardis la komercmetodon en legomvendejo, boatveturis al Enkhuizen kaj de tie aŭtobusis al la mardigo. La antaŭan vesperon la infanoj vidis la filmon pri la digo ; do estis por ĉiuj tre interese nun vidi proprokule. Estis unu el la plej belaj tagoj de la semajno.

Mardon posttagmeze okazis la laborkunsido. Vespere la prezid-

anto fermis la junularkunvenon. Ĝi estis brila sukceso, la unua vere internacia kunveno por infanoj. Dolora estis la adiaŭo, sed restis al la infanoj io bela, neperdebla, t.e. la memoro pri bela semajno, brila, gaja, bona, dank' al la nobla amikino de la infanoj, la redaktorino de „La Juna Vivo".

**Laborkunsido, mardon, 16-VIII-'38.**

Jam kelkajn tagojn antaŭ la laborkunsido s-ino v. Veenendaal konigis sian ideon pri ebla starigo de mond-organizo por infanoj kaj konsilis al la ĉeestantoj kaj partoprenantoj pripensi ĉi tiun aferon.

S-ino v. Veenendaal, kiu prezidis la kunsidon, tiam petis, ke oni esprimu sian opinion pri ŝia propono.

S-ro Glück, nia ĉeĥa samideano, skizis organizformon laŭ sia ideo. Post kelkaj ŝanĝoj kaj aldonoj la rezulto estis jena: Estis fondita Tutmonda Junular-Organizo. Ĝia ĉefestraro estis elektita nur el Nederlandanoj pro pluraj kialoj. En ĉiu lando estos ĉefperanto, kiu rilatos kun la ĉefestraro kaj la perantoj el propra lando. La organizo do havas internacian karakteron. Ĝi estas tutmonda organizo kun landaj sekcioj. Kiam la infanoj atingas plenkreskan aĝon (ne jam fiksitan), ili nomiĝas „Subtenantoj de „La Juna Vivo". Cetere ĉiu Esperantisto povas fariĝi „subtenanto".

Ĉiujare okazos, se eble, internacia junularkunveno. Por aranĝi kaj prepari ĉi tian kunvenon oni elektos ĉiun jaron organizan komitaton el la lando, kie okazos la kunveno.

La oficiala organo estas: „La Juna Vivo". La jarkotizo estas f 1.00. La membroj ricevas la organon senpage.

La estraro konsistas el: s-ro P. Krijt, Amsterdam (prezidanto); s-ro F. Meydam, Leerdam (sekretario); s-ro M. v. d. Horst, Rotterdam (kasisto); s-ino E. v. Veenendaal-Bouwes, West-Graftdijk (N.H.); s-ro Schut, Koedijk (N.H.; f-ino J. van Dijk, Rauwerd (Fr.)

Kiel ĉefperantoj oni jam elektis por Francujo: f-inon M. Montagnon; por Belgujo: f-inon D. Dekavele; por Kimrujo: f-inon Rees; por Nederlando: s-ron C. v. Kuilenburg, Fonteinstraat 2, Leerdam. Dume al eminentuloj en aliaj landoj oni jam sendis petojn.

Jen la unua porinfana mondorganizo. Ni ne dubas, ĉu ĝi bone kontentigos niajn junajn geesperantistojn. Fakte jam pruviĝis. Jam estis multaj „Juna-Vivo-grupoj" kaj la infanoj francaj, anglaj, alinaciaj, miksitaj inter si, ĝuis semajnon neforgeseblan. Regis sfero vere esperantisma. Pri tio atestos la filmo, kiun oni farigis kaj kiu estos la plej efika propagandilo por organizi infan-kurson. Estis semajna kunestado kun alta eduka valoro. Tial, gepatroj kaj geedukistoj, konigu al viaj infanoj „La Juna Vivo"n. Vi riĉiĝos per tio ilian vivon.

La redaktorino de „La Juna Vivo" estas: s-ino E. v. Veenendaal-Bouwes, West-Graftdijk (N.H.).

La sekretario de la „Tutmonda Junular-Organizo" estas : s-ro F. Meydam, Lingestraat 12, Leerdam.

Pri la filmo oni turnu sin al : s-ro Schut, instruisto, Koedijk.

JEKKE VAN DIJK.

---

# La facila der . . die . . das.

Inter la multaj malfacilaĵoj de la germana lingvo, sendube unu el la plej grandaj estas la ĝusta uzado de la artikoloj : der . , die . . das. Tiu ĉi fakto estas ĝenerale tiom grade konata, ke ĝi estas jam kvazaŭ-proverba kaj multaj kuraĝus eĉ ĵuri, ke ties lernado por fremdlingvanoj estas tute malebla.

Kvankam estas sendube, ke nek la lernantoj, nek la instruistoj ne senkaŭze timas la der . . die . . das lernadon, tamen la afero ne estas tiom senespere danĝera, kiom oni ĝenerale supozas, ĉar kvankam per la laŭgenra grupigo kaj parkera lernado de la vortoj oni ne povas atingi kontentigan rezultaton, la konstante kunligita lernado de la vortoj kaj iliaj artikoloj tamen estas iom pli efika.

Bedaŭrinde ankaŭ tiu ĉi metodo havas mankon, nome, ke la idea-kunligiteco inter la vortoj kaj iliaj artikoloj estas tiel malfirma, ke la fremdlingvanoj, se ili ne posedas specialan lingvo-talenten, estas konstante minacataj fuŝsanĝi la artikolojn.

La plej novaj pedagogiaj spertoj prezentas mirindajn pruvojn pri la ebleco, kiomgrade oni povas plifortigi la memorkapablon helpe de la ideo-asocio. La klarigo de tiu ĉi fenomeno estas, ke la regule sin akompanantaj ideoj kvazaŭ kunfandiĝas kaj iĝas nedisigeblaj.-Hazarde ekflarata odoro, ekaŭdata sono, ekvidata gesto aŭ vivo-kolora vestopeco, ofte eĉ post multaj jaroj rememorigas nin pri iu, kiu ni jam pensis delonge fergesita.

Do ni povas ankaŭ la lernadon de . . der . . die . . das plifaciligi per tio, ke helpe de iu okulfrapa, de iu interesa, de iu konkreta aĵo ni plifortgas la malfirman ideo-kunligitecon inter la vortoj kaj iliaj artikoloj tiomgrade, ke ili fariĝu ne disigeblaĵ.

Por tiu ĉi celo prezentiĝas tre taŭgaj la kontrastaj koloroj kaj geometriaj figuroj, ĉar la ideo-asocio ligita al koloroj kaj al figuroj estas multe pli intensa, ol tiu subtenata nur per la fonetiko.

Ekzemple se ni skribos la lernotajn vortojn kaj iliajn artikolojn, — anstataŭ en kajereton, — sur kontraste diverskoloraj platetoj, tiam la viva koloro, la vorto kaj la artikolo tiele kunfandiĝas en nia cerbo, ke eĉ se la vorto mem ne remomorigus nin pri sia artikolo, dank' al la viva koloro, ni neniam eraros. Memkompreneble oni devas skribi la samgenrajn vortojn senescepte sur samkolorajn platetojn.

Per ankoraŭ pli forte helpi la memorkapablon estas konsilinde uzi ne nur diverskolorajn, sed ankaŭ diversformajn platetojn kaj doni per tio ĉi ankoraŭ duan apogilon al nia lama memorkapablo. Ambaŭ rimedoj ne nur plifaciligas la lernadon, sed ankaŭ plifirmigas la memfidon, kaj la certecon dum la uzado.

Konsiderante la ĝis nun spertitajn mirindajn rezultatojn pedagogiajn, ekzemple ĉe la novmetoda instruado de legado, oni plenrajte devas esperi, ke ankaŭ ĉe la instruado de der . . die . . das faros tiu ĉi metodo mirinde kontentigan rezulton.

KOVARCZ IMRE KAROLY



Budapest, la 9. de VII. 1938.

Adreso : Kovárcz Imre Karoly, Budapest, Petófi Sándor u.9.IV.3.

---

# Nova Prezidanto de T.A.G.E.

Ni ĝojas, ke Sro. Russell Hamilton, lernejestro de Hemsworth Grammar School, Nr. Pontefract, Yorkshire akceptis la oficon de Prezidanto de T.A.G.E. Li estas juna kaj entuziasma. Li akceptis post hezito, ĉar li ĵus estriĝis kaj havas multe da laboro pro tio.

Sed ni estas certaj ke li faros sian eblon. Ni esperas ke en la venonta jaro li vizitos nin.

Estu la kunlaboro tiel bona kiel kun liaj antaŭuloj Sroj. Roome kaj Beckmann.

---

# 18a Kongreso de S.A.T. en Bruselo.

En Bruselo okazis la 18a internacia Esperanto-Kongreso de „Sennacieca Asocio Tutmonda". La kongreso fariĝis granda sukceso. Pli ol 650 esperantistoj el 16 landoj partoprenis ; ĉirkaŭe la duono el la partoprenantoj estis SAT-anoj. Oni tre bone estis organizinta la loĝadon de la plejparte malriĉaj kongresanoj : en amasloĝejo (lernejo) loĝis 300 personoj, en tendejo (35—40 tendoj) loĝis 100 personoj.

Regis vere harmonia, amikeca atmosfero dum la tuta kongres-semajno kaj translimaj amikiĝoj multnombris.

Venontjare la kongreso okazos en la metropolo de Danlando, Kopenhago. Ĉiuj esperantistoj-ankaŭ ne-SATanoj-estas kore invititaj partopreni ĝin (la partopreno estos treege malmultekosta !).

Koran bonvenon al Kopenhago (5—10 aŭgusto 1939 !).

---

## Por propagando en francaj pedagogiaj seminarioj.

Antaŭ kelkaj monatoj, I.P.R. bonvolis enpresigi mian peton pri tradukaĵoj de paragrafoj el unuagradaj lernlibroj (ekzemple 5a klaso) rilate al la deveno de la mondmilito 1914—18. Mi kolektas tiajn tekstojn cele prelegojn en *pedogogiaj seminarioj,* kiu precipe incitos la aŭskultantoj lerni kaj instrui Esperanton — Mi ricevis tekstojn el ;

1. ANGLUJO (2, pere de Sro. Doeschate K. Fino. Violet C. Nixon).
2. ITALUJO (pere de Sino. Carolina Minio—P. Minnaja).
3. SVEDUJO (pere de Sro. Ahnfeld).
4. NEDERLANDO (pere de Sroj. Groeze kaj Hogenkamp).
5. HUNGARUJO (pere de Sro. Gauder.)

Mi denove dankas miajn afablajn korespondantojn kaj petas tekstojn el *aliaj landoj.* Antaŭdankegon !

ROBERT GÉRARD
Profesoro. 75. rue de Fagnières
Châlons s/Marne (Marne)
Francujo.



# Korespondoficejo

adreso : K. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

## Geinstruistoj :

Sro. V. Salivar, BíLINA, Ĉeĥosl.
Sro. Fraut. Tomau BRODEK U PREROVA, Ĉehosl.
Sro. Léon Leblond AMIENS, 46 Str. Capperonnier Francujo.
Sino. Michel 157, rue Bataille LYON Francuje.
Fino. Jeanne Dedieu 13 rue de Belfort, PRADES.
Sro. Stojko Dimitrov, Pyr. Or. Francujo, MAHLA VELĈEVSKA, Trojan. Bulgarujo.
Fino. Matra Sasonova ASSENOVGRAD Bulgarujo.
Sro. Kiril P. Kunĉev str. Car, Samuil 35, BURGAS Bulgarujo.
Sro. Cor Salemink, Juliana Oord LAREN N.H. Nederlando.
Sro. A. Dominisse, Barierweg 230 EINDHOVEN, Nederlando.
Sro Làzaro Fiury SAN JORGE. F.C.C.A. Pcia Santate Argentino.

## Gelernantoj :

Sro. Eugen Matírko KOŜKE, LETNà-30 Ĉeĥosl.
Sro. Junks Sunhe, P. O. Box 116, CANTON Ĉinio.
Fino. Maryse Cassar Rosetta House School PORT SAïD Egiptujo.

## Lernejoj :

Tischler gewerbe Schule SLIWEN Bulgarujo.
Knaben gymnasium SLIWEN Bulgarujo.



# Resumoj en Esperanto